# Kelkvorte / 02

Porto Alegre, **aŭgusto 2016** | 1-a jarkolekto | Redaktas César Dorneles Soares

## Esperanto em Porto Alegre

# Os Pioneiros




**Kaj plus:** Profilo | El iu gaja haveno | Verda Kafo [illegible]arigas | Nia laboro | E-kalendaro | Kion ili diris | Iom da Paco | No[illegible]EA-estraro

# Os Pioneiros |

**Por ocasião do 15º Congresso Brasileiro de Esperanto, realizado em 1957, em Niterói, RJ, o Sr. Benjamin C. Camozato, eminente esperantista gaúcho de então, apresentou seu trabalho sobre o *Movimento do Esperanto no Estado do Rio Grande do Sul*, do qual reproduzimos a seguir um fragmento do texto, extraído dos *Anais* do referido evento.**

"Confirmando o que de início dizemos de que, há mais de 60 anos nasceu o Esperanto em nosso Estado, a mais recuada referência que temos é o magnífico artigo da autoria do Sr. Arno Philipp publicado em 1894 no jornal "Deutsch Zeitung", do qual era diretor. Tendo o Esperanto aparecido em 1887, quando tinha apenas 7 anos, há, portanto, 63 anos que se tem conhecimento do início do Esperanto em Porto Alegre, ou melhor, no Estado do Rio Grande do Sul. Desde 1896, com grande entusiasmo e eficiência trabalhou pela causa o mundialmente conhecido Professor Francisco Valdomiro Lorenz, há pouco falecido. Suas obras e seus artigos aí estão como uma força viva, reflexo do seu grande valor que alimentou até os seus últimos momentos de sua vida. Grande sucesso alcançou seu "Esperanto sem Mestre", publicado em várias edições, sendo que a segunda, planejada para cinco anos, esgotou-se em apenas 18 meses.

(...) Pelo ano de 1904 o movimento esperantista tomou grande impulso em Porto Alegre, tendo à frente os nomes de Cristiano Kraemer (falecido), Reinaldo Frederico Geyer e Benjamin C. Camozato. Cristiano Kraemer, pelas colunas do Correio do Povo, desenvolveu utilíssima e fecunda propaganda do Esperanto. Reinaldo Geyer e Benjamin C. Camozato, quando estudantes em Porto Alegre, prepararam uma gramática e um dicionário que infelizmente ficaram nos originais devido (sic) suas dificuldades financeiras. Por iniciativa do Sr. Cristiano Kraemer, no dia 2 de setembro de 2006, no Clube Caixeiral, com o comparecimento de uma centena de interessados foi fundada a "Esperanta Societo Sud-Rio Granda".

1906

(...) Nessa Assembléia esteve representado o Sr. Benjamin C. Camozato que nessa ocasião residia na cidade de Caçapava, neste Estado, no exercício de sua profissão (cirurgião dentista) e onde fundou um Grupo, mantendo uma aula com elevado número de alunos. (...) Ao Brazila Klubo Esperanto foi passado o seguinte telegrama: "Ontem tarde numerosa concorrência inaugurada Esperanta Societo Sud-Rio Granda 122 samideanoj." A este telegrama foi dada a seguinte resposta: "Agradecemos comunicação. Calorosamente abraçamos caros samideanoj. Vivu Zamenhof! Vivu nia lingvo! – Brazila Klubo". (...) A natural implacabilidade do tempo, que elimina valores, foi mudando o aspecto humano e, assim, a "Esperanta Societo Sud-Riogranda", que tão assinalados e bons serviços prestou ao Esperanto, desapareceu, sendo substituída pelo "Grêmio Esperantista Everardo Backheuser", em 1923 que, juntamente com a "Verda Stelo" de Pelotas, bons frutos deu em continuação ao movimento. Em 1927 com o aparecimento de novos e preciosos valores tomou o Esperanto vigoroso impulso fixando nova época. Nesse ano, no dia 6 de outubro, um grupo de mais de cem adeptos do Esperanto, reunidos no Clube Caixeiral, fundou a "Sud Brazila Esperantistigilo". Cursos com grande freqüência foram ministrados pelos srs. General Feliciano Domingues, Ary Zamora, Viterbo de Carvalho e Benjamin C. Camozato. Intensa propaganda foi feita pela imprensa local através das colunas do Correio do Povo, Diário de Notícias e Federação, dando grande impulso ao movimento que, por longos anos, conservou-se no mesmo ritmo. (...) Acontecimento de alta significação registrou-se em novembro de 1936, quando, por solicitação da "Sud-Brazila Esperantistigilo", o então prefeito de Porto Alegre Major Alberto Bins concordou em dar a denominação de Dr. Zamenhof a uma das ruas de nossa capital [Bairro São João, transversal à Av. Benjamin Constant]. (...) A transferência do Dr. Viterbo de Carvalho para o Rio de Janeiro e a dispersão de preciosos elementos muito cooperou para que a "Sud-Brazila Esperantistigilo", após longos anos, cessasse suas atividades. Mas, felizmente a tênue camada de cinza que cobria a brasa do ideal não tardou a desaparecer graças à ação dos professores Paulo Menezes e Lúcio Vieira, que fundaram a 2 de abril de 1945 a "Esperantista Societo de Porto Alegre", tendo sido sua primeira diretoria constituída pelos senhores: presidente, Ary Zamora; vice-presidente, Alberto Sieber; 1° secretário, Bóris Eston; 2° secretário, Lizipo José Rodrigues; 1° tesoureiro, Aloys Furtenbach; 2° tesoureiro, José Martins."

# Profilo | Alcione Dávalos Fernandes

**Esperanto en via vivo:** Esperanto estas io kio pacigas kaj ĝojigas min. Paroli, aŭskulti kaj kanti en Esperanto igas min tre feliĉa kaj tio estas tre grava al mi. Tio estas la ĉefa kialo de ĝia ekzistado en mia vivo.
**Iu libro:** *Guia Prático de Psicologia Junguiana* - Robin Robertson

**Iu filmo:** O Senhor dos Anéis (*La Mastro de l' Ringoj*)
**Iu muzikaĵo:** *Fico assim sem você* (Cacá Moraes kaj Abdullah)

**Iu TV-progamero:** *Cake Boss* (h&h - chef Buddy)
**Iu kantistino:** Elza Soares

**Iu aktorino:** Meryl Streep
**Iu verkisto:** Luis Fernando Verissimo

**Iu talenton vi ŝatus havi:** Danci
**Iu famulo/figuro de la Historio kiun vi admiras:**
Leonardo da Vinci

**Iu afero kiu dolĉigas la vivon:** Muziko
**Se vi havus pli da tempo...** Mi studus psikanalizon.



**Iu revo:** Koni la statuon de Davido, de Michelangelo.
**Iu hobio:** Pentri

**Iu loko kiun vi dezirus koni:** Portugalio
**Iu donaco kiun vi ŝatas gajni:** Indianaj objektoj de dekoracio.

**Vi estas...** Kompleksa kaj simpla. La Makro kaj la Mikro. Mi estas Ĉio kaj Nenio. Mi estas Dio en mi mem kaj ekstere de mi.

# El iu gaja haveno |

> **César Dorneles Soares**

**Jen mi rimarkas**, ke al mia unua instruistino en elementa lernejo de la kvartalo Agronomia, en la malproksima 1962, tre plaĉis aliteracioj, sonfiguroj kiuj laŭ PIV temas pri "konsistanta en la efekta ripeto de iu sama konsonanto em la komenco de la akcenta silabo de kelkaj vortoj en iu verso aŭ frazo", por ekzemplo "vibras vok' en vaga vento". S-ino Miguelina, tiu estis ŝia baptonomo, sekvis la tradicion de la brazila literaturo, laŭ kiu la aliteracioj ne nepre situas sur la plej forta silabo: "vozes veladas, veludosas vozes" (Cruz e Souza). Sekve miaj unuaj frazoj legitaj kaj skribitaj en la vivo enhavis tian figuron: "Ivo vê a uva", "Vovô vê o ovo"...

**Tra mia esperanta vivo** mi kreis diversajn E-gazetetojn. La unua estis *Bonan Tagon*, kiel organo de DESEAK-Departemento de Esperanto de Soc. Espírita Allan Kardec, komence de la 80aj jaroj. Post nelonge aperis *La Semajno*, por Gaŭĉaj Stepoj Grupo, kreita de junaj esperantistoj kiuj studis Esperanton ĉe Allan Kardec kaj eĉ sin prezentis dum la Nacia Arta Vespero okaze de la 66a UK en Braziljo (1981), la unua esperanta evento en kiu mi partoprenis en la vivo danke al iniciato de nia karmemora D-ro Ivo Sanguinetti, kiu aranĝis karavanon de gaŭĉaj esperantistoj por iri al la kongreso. Poste venis *Steloj* (mia unua sendependa E-periodaĵo); *Esperantogazeto (1990)*, ĵurnaleto kiun mi kreis en la lernejo en kiu mi laboris kaj aranĝis E-kurson, kiu malfeliĉe devis esti interrompita pro malsano mia. En 1991, *Jes Ja!*; *Esperanto* (1993), ununura numero, informilo kreita por la Esperanto-Departemento Hector Hodler, kiun mi kunordigis ĉe Sociedade Espírita Irmão Miranda (Jardim Botânico). Samjare mi lanĉis la sendependan *Esperantisto.* Em 1994 mi fariĝis redaktoro de la revivigita *Suda Stelo,* oficiala organo de Esperantista Societo de Porto Alegre. La bulteno estis kreita en 1947. Poste estis la vico de du numeroj de *Legu!* (2003); Gaŭĉa Esperantisto (*eksa Jes Ja!)*, unusola eldono; Gaja Haveno (1997, kun 34 numeroj). En 2007 mi ekrespondecis pri *Gaŭĉa Stelo*, oficiala organo de GEA-Gaŭĉa E-Asocio. En 2009 mi reaperigis *Jes Ja!,* kun kvin eldonoj tiujare. Kaj nun en 2016, jen la vico de *Kelkvorte*... Longan vivon al ĝi!




Lastsabate de la monato
16h – ĉe Tutty's

# Verda Kafo fariĝas 38jara |

En aŭgusto 1978, S-anoj Georgo Otto Vaske (São Sebastião do Caí) kaj Carlos Dionísio (São Leopoldo), kiam ili estis revenantaj el la 1-a Latin-Amerika Kongreso de Esperanto, okazinta en Marília (SP) samjare (inter 17-22/jul), havis la ideon pri kreo de Esperantorendevuo por la kunfratiĝo kaj praktikado de la idiomo ĉe restoracio en Porto Alegre. *Chalé da Praça XV* estis elektita de ili kiel unua ejo por ĝi. Verda Kafo, pro ĝia seninterrompeco tra la tempo, fariĝis la plej tradicia aranĝo de la gaŭĉa E-Movado.

# Nia laboro |

"Nia laboro estas konigi E-on al la mondo kaj instrui ĝin, ĉar ni asertas, ke ne estas juste, ke en la kampo de la lingvoj kaj kulturoj validu la tiel nomata ĝangala leĝo, per kiu la plej granda lingvo englutas la malgrandan. Ĉio cetera sekvas al tio. Alivorte ni taksas la nunan internacian lingvan ordon por la rilatoj inter la homoj apartenantaj al malsamaj popoloj, nekontentiga kaj nekongrua kun la bezono favori interkompreniĝon, pacon kaj samrajtecon inter ĉiuj homoj."

**> Renato Corsetti, italo, eksa UEA-prezidanto**

# Esperantokalendaro |

Inter aliaj eventoj okazos la jenaj:

**04-05/aŭg** – ILEI-Simpozio *Novaj vojoj de lernado*, en Nyíregyháza, Hungario.
**20/aŭg** – Paralela Universo. Serio da E-eventoj en 16 diversaj urboj de Kanado, Usono, Meksiko kaj Kubo, kun tagmanĝo, ekskurso kaj vespermanĝo.
**20-27/aŭg** – 83-a Itala Kongreso de Esperanto, en Frascati, Italio.
**26-28/aŭg** – 11-a Venezuela Esperanto-Renkontiĝo. En Mérida, Venezuelo.
**27-28/aŭg** – 9-a Somera Universitato de la Politika Movado *Eŭropo Demokratio Esperanto*. En Greziljono, Francio.

**> Fonto: www.eventoj.hu/2016.htm**

# Kion ili diris |



**Romo** havis nur unu Incitatus en la Senato. (Millôr Fernandes) | **La diferenco** inter la kokino kaj la politikisto estas tio, ke la politikisto klukas kaj ne ovumas. (same) | **Ĉiuj** scias, ke la scienco havas siajn negativajn punktojn: la invento de la mikroskopo aperigis milionojn da mikrobioj. (same) | **Kiam** oni parolas pri bankoj kaj raboj, demandu tuj: ĉu ekstere internen aŭ interne eksteren? (same) | **Hipokondrio** estas la nura malsano kiun mi ne havas. (Oscar Levant) | **Respektu** la virinon de la proksimulo. Precipe se la proksimulo estos tre proksima. (same) | **La ideala** bopatrino estas tiu kiu ne loĝas tiel proksima, ke ŝi povu veni kun pantofloj kaj nek tiel malproksima, ke ŝi povu aperi kun kofroj. (Orlando Conceição) | **Se via** menso ne estas malferma, ankaŭ fermu la buŝon. (Sue Garfton)

# Iom da paco |

Ja kiel floron ĉe l' vintra komenc'
Kaj fajron en venta, glacia potenc'
Kaj kiel pupon ŝatatan ne pli,
Min tre ofte sentas mi.
Kaj tiam mi vidas la nubojn sur ĉiel',
Mi aŭdas la birdojn flugantaj sen cel',
Mi kantas en tim' pro obskura minac'.
Esperas, ke estu pac'.
Iom da paco, iom da suno
Por nia tero, por nia nuno.
Iom da paco, iom da ĝojo,
Iom da varmo mi petas por ni.
Iom da paco kaj da revado
Kaj por la homoj ne plu plorado.
Iom da paco, iom da amo,
Estu l'espero ne iluzi'!
Ne pro miaj kantoj ŝanĝiĝas event'.
Mi estas knabin' nur kantanta laŭ sent',
Senhelpa, soleca, birdet' sen potenc'
Kun tim' pro la ŝtorm-komenc'.
Iom da paco...
Kantu forte nun kun mi,
Pac' ne estu utopi'!

**> B. Meininger**

## Nova GEA-estraro

La 16an de julio estis elektita kaj enpostenigita la nova estraro de Gaŭĉa E-Asocio al la estrarperiodo 2016-18: Renato Oliveira Pereira (prezidanto), Eugênio Hansen (vicprezidanto), Flávio Augusto de Oliveira (1a secretario), Leandro Paz da Silva (2a sekretario), Elisabete Winck Pereira (kasistino). Konsilantaro: Antônio Filippini, César Dorneles Soares, Luiz Fernando Puhl, Marco Aurélio Roncatti kaj Reinaldo Jorge Zaghetto.

